# Pola Esperantisto
# Esperantysta Polski

| XXXII JARO | NRO 4 | APRILO 1938 |
| --- | --- | --- |

ELDONANTO — WYDAWCA
POLLANDA ESPERANTO-DELEGITARO
REDAKTANTOJ — REDAKTORZY
PROF. DR ODON BUJWID — MGR TADEUSZ HODAKOWSKI

Aperas la 20-an de ĉiu monato. Redakcian materialon oni petas sendi ĝis la 10-a de ĉiu monato. La redakcio estas rajtigita laŭ bezono ŝanĝi la tekston de manuskriptoj.

## INTERŜTATA ESPERANTO-AKORDO.

### PEDAGOGIA AŬ PROPAGANDA VIDPUNKTO?

Gravaj okazintaĵoj en marto en la eŭropa politiko fortiris spiritojn de la Esp. problemoj. Eble post unu, aŭ du monatoj, kiam agordo fariĝos denove pli kvieta, oni povos denove okupiĝi praktike pri la intertraktoj kun diversaj registaroj pri IEAk, se nunmomente tio ĉi iom malaktualiĝis, ni okupu nin pri iom alia demando, ankaŭ por ni grava.

Multe da esperantistoj estas scivolaj, de kiuj lernejoj ni komencos esperantigon de la tutaj nacioj, se la ideo pri IEAk realiĝus? Tiudirekte regas diverseco de opinioj, nunmomente tute ne danĝera, sed tre grava precipe por la monento tuj post la venko, kiam estos necese, ke ni elpaŝu solidare kun difinitaj kaj klaraj postuloj. Tial mi jam nun ĵetas tiun ĉi tezon por la diskuto kaj pripenso en la agadaj centroj.

Laŭ opinio de pedagogoj partoprenintaj en la Pentekosta Pedagogia Konferenco en Parizo 1937 kaj laŭ bone pripensita kaj prudenta opinio en artikolo de Rudolf de Lidl el Salzburg (Heroldo de Esp., nro 29, 936 el 25 julio 1937) oni proponas enkonduki en la lernejojn Esp-on antaŭ ĉiuj aliaj lingvoj, rimarkinte, ke la junulo (ino) eklerninte Esp. terminaron, trovos ĝin poste pro sia internacieco en ĉiuj ĉefaj modernaj lingvoj kaj en latino. Li (ŝi) ne nur nenion perdas, sed gajnas tre multe, ankaŭ sur kampo de logiko pro speciala strukturo de lingvo Esp. Sekve konkludo: instrui Esp-on kiel eble plej frue, eĉ infanojn.

Laŭ mi tiu ĉi opinio estas tute prava, sed oni ne povas komenci de infanoj.

Alia opinio estas la mia. Ĝi ne kontraŭstaras la unuan, sed ne konsideras kiel ĝustan kaj bonan en la trarompa periodo, tuj post venko de la ideo pri IEAk komenci per tiu ĉi plano. Jen la kaŭzoj:

Se ni bezonos grandan nombron da instruistoj, oni devas komenci la instruadon antaŭ ĉio de la pedagogiaj seminarioj por instruistoj, al kiuj oni jam povas diri: lernu Esp. ĉar vi gajnos salajron! Pri tio ĉiuj konsentas. Jes! Sed poste?

Ĉu vi imagas la agordojn regontajn en la socioj tuj post la venko de la ideo pri IEAk? Okazos granda diskuto en la gazetaro en radio k. t. p. Ankoraŭ unufoje kvazaŭ lumbrikoj el la tero post abunda pluvo aperos subite kaj neatendite ĉiuj stultaĵoj, azenecaĵoj, ĉiuj kvazaŭ-argumentoj el la unuaj periodoj de Zamenhofa agado, opi-

nioj de saĝuloj, de „fakaj“ lingvistoj, de „kompetentuloj“, de alte situitaj kaj titolitaj aŭtoritataj profesoroj, de malkovrantoj de Ameriko, kiu estas jam delonge malkovrita, la pseŭdo-argumentoj, pri kiuj esperantistoj opinias, ke ili estas jam delonge entombigitaj, ĉio ĉi ankoraŭ unufoje levos la kapon kontraŭ Esp., por fine sin klini antaŭ ĝi kaj foriri en nebulan landon de forgeso. Ĉu do en tiu ĉi grava periodo ni komencos de infanoj, aŭ de junaj knabetoj kaj knabinetoj? Ĉu ili taŭge defendos la ankoraŭ ne fortan pozicion tuj post la venko de IEAk, kiam ni speciale forte devos nin mobilizi por sin defendi? Ĉu estas saĝe en la manojn de nematuraj junuloj transdoni la defendilojn kontraŭ la atakantaj neofoboj?

Ni konstatas, ke ju malpli da informoj pri Esp., des pli granda memcerteco kaj eĉ aroganteco en la diskuto.

Ne! Oni agu prudente! Principe plej bone estus komenci de knaba aŭ eĉ de infana aĝo kaj ni certe pri tio ĉi klopodos. Sed ni per tio ne komencu! Defendantojn de Espismo tuj post venko de IEAk-ideo ni trovos antaŭ ĉio en la junularo aŭ matura aŭ jam maturiĝanta, por ke ni havu kiel eble plej rapide personojn, kiuj ne nur povus subteni Esperanton, sed ankaŭ montri la praktikan aplikeblon de helpa lingvo sur internacia kampo, sekve laŭ spertoj priparolitaj dum Pentekosta Pariza Konferenco en la lernejoj **aviadistaj, maristaj, militistaj, poste en komercaj.** Kiam ili estus jam ekposeditaj, ni transiros al mezaj lernejoj, komencante de la klasoj kiel eble plej superaj, por ke ni havu kiel eble plej rapide la junularon, ne nur defendantan Esperanton, sed novajn instruistojn, kiujn ni sufiĉe rapide post la fino de studoj sendos instrui aliajn, pli kaj pli malsupre. Fine venos la tempo por fru-junulaj klasoj.

Ni krom tio ĉi bezonas kiel eble plej rapide la homojn, kiuj gajnante salajron per Esp. estos speciale interesitaj en tio. Neniu pli bone defendos Esp-on, ol la homoj **mone** entiritaj en la Esp mondon.

Jen mia opinio! Ĉu ĝi estas prava aŭ malprava, mi nunmomente ne volas juĝi. Pri tio decidos konferenco speciale kunvokita de la reprezentantoj de ses (aŭ pli multe da ŝtatoj), kiuj prilaboros detalan planon. Tiu ĉi konferenco finos eble periodon de „universalaj“ kongresoj Esp., nomataj ankaŭ „tutmondaj“, kvankam ili arigas plej ofte nur eŭropanojn. Ili estos anstataŭigotaj per kongresoj fakaj, el kiuj la unua, certe de historia signifo estos programa konferenco por realigi IEAk-on.

Do, kiel principo devus regi en tiu ĉi unua periodo post la sukceso, kiam ni fine povos forviŝi la ŝviton el la frunto post la laboro eble 50-kelk-jara: kiel eble plej rapide enpenetri en ĉiujn tavolojn de la socio. La mondo rigardos niajn eksperimentojn kun retirita spiro. Ĉiu eĉ plej malgranda eraro, malfruiĝo, ĉiu ne sufiĉe brila sukceso povus nin malpopularigi kaj eĉ kaŭzi retiron de la konkordo por la Akordo. Sed tio ne daŭros longe; post iu periodo, kiam Esp. fariĝos populara, ĝi fariĝos tiel potenca kultura povo, ke oni ne povos al si jam imagi modernan vivon sen ĝi, kiel hodiaŭ ni jam plu ne komprenas vivon sen la fervojoj, telegrafoj, kinoj, ĵurnaloj k. t. p. Tiam ni fine havos jam certan pozicion kaj profunde fundamentitan. Tiam neniu plu povus ĝin preni de ni, ĉar „ni“ estos en tiu ĉi periodo plimulto de la socio. La banalaj „onidiroj“ pri Esp. malaperos, ĉar ili kompromitus iliajn aŭtorojn. Tiam ni povus instrui eĉ infanojn kaj neniu malhelpos nin en tiu ĉi agado.

*Dro Antoni Czubryński.*

DR LEOPOLD DREHER

# POR LA „KVINMIL-FONDO“.

Antaŭ nelonge mi sciiĝis pri interesa decido ĉe la Jubilea Kongreso en Varszawa, kies alprenon mi, bedaŭrinde, ne ĉeestis.

Nome la ĝenerala kunveno de PED decidis kolekti t. n. „Kvinmil-fondon“ kun la celo, instali ĉe PED konstantan sekretariejon kaj ĝenerale komenci fine bonordan propagandon de Esperanto en Polujo.

Kiom da mono oni perdas ĉe ni por diversaj momentaj agadoj kvazaŭ-propagandaj, sed kiuj laŭ sia rezulto montriĝis vanaj kaj sencelaj! Do fine ni havu bone organizitan laboron, unuecan agadejon, kiun apogadi kaj subteni ni ĉiuj povos kun pura konscienco!

Sed — estas tre bedaŭrinde, ke tiu grava decido ĝis nun ne estas konata, kaj ĝis nun tute, aŭ preskaŭ tute estas papera. Mi sciiĝis, ke ĝis nun la tuta mono kolektita ne superas, ŝajne, 100 zł! Kiom malproksime ni estas do ankoraŭ de la fina punkto: de la kolektota sumo de 5000 zł!

Mi ne intencas konvinki la legantojn de P. E. pri la dezirindeco, ja eĉ gravegeco de la afero. Ĉiu bonege komprenas, ke se ni posedus monon, ni povus fine komenci la la-

boradon. Kaj ĝuste la manko de monrimedoj estas tio, kio malhelpis ĝis nun faktan disvolvon de poresperanta agado en Polujo.

La demando estas do nur kiel atingi la 5000. Kiel kolekti tiun sumon?

Mi proponas, ke ĉiu esp. grupo decidu de nun, tuj, oferi el ĉiu aranĝaĵo (kursoj, festvesperoj k. t p.) 5% de la neta gajno al la 5000 fondo. Krome, en ĉiu kunveno kaj kunsido oni memoru pri kolektado el privataj personoj de iaj ajn eĉ malgravaj, groŝaj sumetoj. Ni ne devas honti antaŭ la publiko, ke ni bezonas monon per disvastigo de Esperanto. Sincere, sentime ni laboru por krei la rimedojn, per kiuj ju pli rapide, des pli efike ni povas akceli la laborojn de ni ĉiuj tiom arde deziratajn kaj jam tro longe atendatajn.

* * *

## „KVINMIL — FONDO".

Pluaj pagoj por la "Kvinmil - Fondo":

| | | |
|---|---|---|
| Julia Neuberg, Kraków | 5·— | zł |
| Anoj de Soc. Esperanto, Kraków | 2·30 | „ |
| Dr A. Gurwicz, Wilno | 2·— | „ |
| Dr Leon Rosenstock, Kraków | 2 -- | „ |
| Dr Henryk Dattner, Kraków | 2·-- | zł |
| Nusia Dattnerowa, Kraków | 2·— | „ |
| Dr Leopold Dreher, Kraków | 1 — | „ |
| Jan Mazurkiewicz, Pruszcz - Bagienica | 1·— | „ |

# LINGVA ESPLORO.

La laste aperigita en P. E. lingva konkurso montris al ni du faktojn. Unuflanke, ke granda estas la interesiĝo de la esperantistoj pli lingvaj problemoj, aliflanke, ke ne malpli granda estas la nesciado pri la ĉefaj principoj de la esperanta lingvo, ja tiom fama pro sia facileco...

Sufiĉas preni en la manon ian ajn esperantan presaĵojn, por elkapti amason da eraretoj, eraroj kaj eraregoj. En iu libera horo mi notis kelkajn frazojn ie legitajn, mi ne plu memoras kie:

**Tiom komforte oni ja estas.**

Ĉu oni estas komforte? Oni povas esti bona, sana, kolera, bonhumora k. t. p. Sed oni ne povas ja esti bone, same, kolere, bonhumore ktp! La frazo, kvankam verkis ĝin ŝajne tre bona esperantisto, povas teksti nur: Tiom komforte oni ja s e n t a s s i n.

La sama - mi nepre forgesis kiu - aŭtoro skribis en la sama artikolo:

**Jam komenciĝis malfermiĝi miaj okuloj.**

Strange sed tamen vere: neniu pola esperantisto riskus skribi tiel. Tio certigas min, ke la artikolo ne aperis en Polujo, sed en iu eksterlanda gazeto. Mi estas preskaŭ tute certa. Ĉu la o k u l o j povas k o m e n c i ĝ i? Prezentado en teatro, kurso de Esperanto, parolado, nu: artikolo - povas havi siajn komencon kaj finon, sed... la okuloj? Ĉu estas necese diri, ke la frazo devas teksti: „Jam k o m e n c i s malfermiĝi miaj okuloj"?

**La sekvontan dimanĉon mi iris al ili.**

Jen iom alia speco de eraro. Mi tre forte hezitas, ĉu nomi ĝin erareto, eraro, aŭ... erarego. Pro multaj kaŭzoj la lasta epiteto ne taŭgas. Kaj la ĉefa el la multaj estas tiu, ke tra la tuta mondo esperantista oni trovas ĉi tiun „sekvonta" vagi kaj vagaĉi, aperi kaj reaperi. Laŭ la opinio de unuj nur „sekvinta" taŭgas ĉi tie. Laŭ aliaj, sufiĉas „sekvanta". Sed estas eĉ opinioj, kiuj diras, ke tute sufiĉa kaj korekta estas nur „sekva" Mi deziras bonan feliĉon al „sekva", ĉar 1-e plej mallonga, 2-e preskaŭ tute bona, 3-e sekvonta en frazo, kiu parolas pri pasintaĵoj estas absurdo!

Kelkaj provis enkonduki anstataŭe tute alian vorton, ekz. „postea", eĉ tute novan radikon, ekz. „neksta", sed ĝis nun neniu anstataŭaĵo sukcesis.

Fine ankoraŭ unu „eraro" de la sama aŭtoro:

**Certe tiel li trovis dece.**

Ĉi tie ni staras antaŭ vera mistero .. gramatika. Tre prave la „Plena Gramatiko" de Kalocsay-Waringhien asertas, ke oni devus uzi: deca. Ĉar ja „trovis dece" signifas, kvazaŭ „dece" estus la adverbo, kiu rilatas al „trovis", Pli kaj pli mi konvinkiĝis, ke oni devus diri: Mi trovas ĝusta, ke...; mi opinias vera, ke .., alie oni povus tute facile kaj prave rilatigi „ĝuste" al „trovi", „vere" al „opinii", kvazaŭ temus pri: v e r a o p i n i o p r i anstataŭ pri: o p i n i o p r i la v e r e c o d e.

*Dr Leopold Dreher.*

---

# POLESIE.

Unu el terpartoj de Polujo, vizitinda pro neordinara landbildo estas Polesie, larĝe etendiĝanta sur ambaŭ bordoj de rivero Prypeć. Arbaregoj, marĉoj, torfaj kotoj, lagetoj, sablaĵoj, enklavoj de abundkreskaj herbejoj kaj kulturigitaj kampoj sin intermiksas kaj interplektas, donante al tiu tero karakteron preskaŭ ekzotikan.

Danke al Polesie oni nomas Polujon „lando de ĉasoj". Vere, ĝi estas ia elsonĝita eldorado por la ĉasistoj, kiuj trovas tie ĉi milojn kaj milojn da diversspecaj birdaroj, precipe da anasoj, anseroj, kolomboj, tetroj, urogaloj, centojn da pli dikaj ĉasbestoj kiel lupoj, aproj, kaproviroj, vulpoj. De tempo al tempo oni povas renkonti ĉi tie ankaŭ linkon, alkon, urson, kaj ĉe la riveroj kastoron.

Tiakaŭze - malgraŭ nesufiĉe bonaj vojoj, per kiuj oni povas atingi la profundon de Polesie, kaj vojiri tra ĝi komencas jarjare kunveturi ĉi tien turistoj kaj ĉasistoj de la tuta Polujo, kaj ankaŭ de fremdlandoj. Unuj el ili serĉas ekzotismon, aliaj ĉasadas dum tutaj tagoj eĉ noktoj, ceteraj deziras kvietigi siajn nervojn sur la sino de vera kaj pura naturo.

Ne malpli miriga estas Polesie rilate al mastrumaj, sociaj kaj kulturaj aferoj. Sur la terspaco de pli ol 36 miloj da kvadratkilometroj loĝas apenaŭ 1132 miloj da loĝantaro. Malgraŭ ke la meznombro de la popoldenseco estas nur 31 sur 1 kv. km, tamen ĉi tiea loĝantaro estas mizera. Ĝi posedas malmulte da tero kulturigebla, cetere ne tro fruktodona; herbejoj kaj arbaroj, la solaj fontoj de enspezoj, apartenas plejparte aŭ al la ŝtato, aŭ al malmultaj riĉaj bienuloj, iamaj nobeloj, kaj eĉ magnatoj. Aldone, la agrikulturo estas ĝenerale malaltgrade starigita.

Nekomplikita, primitiva estas la vivo de Polesianoj. Sed ankaŭ iliaj animoj kaj mensoj estas primitivaj, la karakteroj rektaj, sinceraj. Spite de sia mizero, ili estas feliĉaj, ĉiame kontentaj, en reciprokaj rilatoj pacemaj, servemaj, favoraj, kaj antaŭ ĉio lojalaj, bonaj civitanoj.

La ŝtato valorigas Polesie-n kiel, en proksima estonteco, la teron de la interna imigracio. Jam nune estas grandskale farataj la agrokunigoj (komasacioj), ĉar ĝis nun la agro posedata de la vilaĝanoj estis pecetigita kaj disĵetita po kelkaj, eĉ dekkelkaj bedoj en diversaj, ofte malproksimaj lokoj, kiel sur diversaj kampoj de la ŝakotablo. Estas pripensataj kaj preparataj planoj de plibonigo de l' kampoj (melioracioj). Post la finkonduko de tiuj laboroj kaj post la ekkonstruo de la vojoj venos laŭvice la koloniigado.

En tuta Polesie ostas ankaŭ larĝagrade farata la kultur- kaj civilizagado. Dank' al multenombraj lernejoj kaj kursoj komencas foriĝi la analfabetismo, kiu en la komencoj de reakiro de la libereco atingadis tie ĉi 100%. Grade plialtiĝas la agra kaj socia kulturoj. En disvastigado de la kulturo kaj civilizado de Polesie tre grandajn meritojn havas la landlimgardistoj KOP (Korpus Ochrony Pogranicza).

Estas do nenia dubo, ke jam en la plej proksima estonteco dank' al celkonsciaj, kunordigitaj kaj harmoniaj fortuzoj de ŝtatestraro, instruistaro, oficistaro kaj militistaro, ĉe la jam elprovita bonvolo kaj kunlaboro de ĉi tiea loĝantaro foriĝos de Polesie marĉoj, analfabetismo kaj malklereco, la lando kovriĝos per la reto de bonaj vojoj, hompleniĝos, vigliĝos kaj civiliziĝos.

Karaj Geesperantistoj, precipe vi kunpatrujanoj, vizitu la hodiaŭan, ankoraŭ nuntempan Polesie-n, tiun ĉi malmulte konatan angulon de Polujo; travivinte tie ĉi kelkan tempon, vi forveturos ravitaj kaj ĉarmitaj pro belo kaj ekzotismo de tiu terparto de nia patrujo.

*Fr. Zontek.*

*HERMANN CONRADI.*

## *PRINTEMPO!*

*Ho, kiel min printempo logas!*
*Per ia nov' la malnovo vokas,*
*Jam en mez' de l'vintro ektremas anim'!*
*Ja nur Kristnasko! Nin vintro alspiras,*
*Plenpulme, spite!*
*Kaj tamen jam la kor' maltrankvilas,*
*Revovekite,*
*Milde movetas printempo sin . . .*

*El la germana: Hilda Dresen.*

# LETERO EL EKSTERLANDO.

**(Eltiraĵoj el letero de F-ino J. B., Edinburgh en Skotlando al s-ino Cense).**

„Ĉar miaj kunuloj deziris viziti Zakopane kaj la Tatrajn montojn, kaj ĉar mi jam trikvarfoje vizitis la distriktojn kaj bone konas la vizitindajn belegaĵojn, mi volonte konsentis aliĝi al ilia societo. Ĉe Nowy Targ, korespondanto kaj amiko mia, jam de la 1912-a Kongreso en Krakovo, s-ro Pęksa renkontis nin kaj nin akompanis ĝis Zakopane, kie li pruvis sin tre helpena pri la havigo de taŭga kaj komforta loĝejo. Kun la juna filo, li pasigis ĉe ni la semajnfinon, kaj kune ni faris belan ekskurson al Kasprowy per kabla fervojo, nova agrablaĵo por mi... Tiu mirinde bela distrikto ĉiam ĉarmas min, kaj je ĉiu nova vizito mi trovas novan allogaĵon, kaj mi deziras esplori ĝin.

Ĉe Kościeliska valo, afable gastigis nin s-ro Tad. Kaciczak, kiam ni pasis hazarde preter lia domo, survoje al tiu pitoreska valo... Ni pasigis tre agrablan ripoztempon, vizitante la ĉefajn vidindaĵojn, valojn kaj montojn, kaj faris ekskurson tra la Pieniny - valo... Miaj kunuloj estis tre feliĉaj pri la vizito kaj forportis hejmen bonegajn memoraĵojn pri tiu ĝuinda tempo. Revenante, ni ree trapasis Nowy Targ, kie s-ro Pęksa kaj lia familio adiaŭis nin. Ni pasigis la dimanĉon en Krakovo, kiun, ŝajnas, mi konas pli bone ol Londonon! Mi agis kiel gvidanto, kaj ĉiujn vidindaĵojn ni elploris...

Tiuj post mia reveno al Edinburgo ni komencis la varbadon de novaj rekrutoj, kaj oni komisiis min organizi ekspozicion tiucele. Ĉar mi multe vojaĝis eksterlande, kaj ĉeestis multajn kongresojn, mi posedas grandan amason da taŭga materialo. Feliĉe mi havis kelkajn bonajn helpantojn, kaj fine ni starigis tre interesan elmontron de la jama progreso de Esperanto. Aranĝita laŭ la fakoj: literaturo, komerco, turismo, k. t. p. ĝi vere estis impona kaj superis mian esperon. Dum kvar vesperoj, ĝi allogis grandan ĉeestanton, kiu estis scivola pri Esperanto. Tuj poste, laŭ la grupo - programo, oni atendis de mi raporton pri la Jubilea Kongreso en W... kaj pri miaj spertoj antaŭ, dum kaj post la kongreso, ĉar mi estis la sola Edinburgano! La verkado, preparado de la multaj fotografaĵoj forŝtelis multe da tempo. - Mi ne tro parolis pri la kongreso mem, sed precipe pri la vizitoj: en la tombo de Zamenhof, de Grabowski, la disdonado de la diplomoj kaj steloj kaj la aparta ekskurso, sub la gvidado de s-ro Sakowicz, al la naskiĝloko de Chopin, kaj la vizitoj al la diversaj malnovaj partoj de Varsovio, ĝiaj belegaj parkoj, mi pli longe parolis. - La plej interesa parto tamen, laŭ mia opinio, estis la projekciado de pli ol 90 fotografaĵoj kaj poŝtkartoj, kiuj ilustris ne nur la okazintaĵojn dum la kongreso, vidaĵojn el Varsovio kaj Krakovo, sed la kamparanajn kostumojn, la lignodesegnaĵojn kaj arton, dancojn k. t. p. Ĉu vi scias, ke jam kvinfoje mi pasigis libertempon en Pollando! Vi ne plu miros, ke mi alte taksas ĝin!!

Mia laboro por nia Societo ne finiĝis kun tiu ekspozicio kaj raporto. Por la Zamenhofa vespero mi faris paroladon pri la evoluo kaj jama disvastiĝo de Esperanto dum la pasintaj 50 jaroj". Mi devas konfesi, ke mi multe ŝuldas al via grava verkaĵo en la „Ora Libro", el kiu mi libere ĉerpis. La Ora Libro estas unu el la plej valoraj kaj bonstilaj verkaĵoj iam disdonitaj ĉe internacia kongreso, kaj devas troviĝi en la manoj de ĉiu vera Esperantisto. Ĝi estas plenplena je nesufiĉe konataj historiaj faktoj... Pri tiuj niaj programoj la tri ĉiutagaj gazetoj lokaj presigis raportojn...

Sed en la radio oni absolute rifuzas fari lokon al Esperanto, ĉar oni opinias, ke inter la mondaŭskultantaro troviĝas ne sufiĉe granda nombro da interesatoj!...

Mi ja tre bedaŭras ke la kongresa Komitato ne sendis al la kongresanoj la finan liston de la aliĝintoj, kaj la ĝeneralan raporton pri la diversaj kunsidoj kaj la rezolucioj. Estas ankaŭ interese al la ĉeestantoj scii, ĉu ĝi estis financa sukceso aŭ ne, kiom da personoj efektive aliĝis, kiom da nacioj estis reprezentataj k. c. — Oni sentis la mankon de organizita postkongresa ekskurso. Laŭ propaganda vidpunkto, tio estis grava manko! Oni ne ŝatas vojaĝi kaj esplori nekonatan landan per si mem, precipe, se oni ne konas la nacian lingvon kaj ne sufiĉe bone scias ĝuste, kiujn allogaĵojn oni nepre devas viziti. Tamen, mi estis tute kontenta kun mia revizito al Zakopane! — Stranga afero, okazis, ke la saman tagon, kiam mi ricevis vian leteron, mi aŭskultis la koncerton, en kiu kantis la fama Kiepura! Ofte mi turnas min al la polaj programoj per radio, precipe por aŭskulti la fortepiankomponaĵojn de Chopin, kaj ĉiam plezure memoras pri la „fanfaro" de la preĝejturo de S-ta Mario en Krakovo, kiun oni per radio aŭdas tiel klare kiel en la Rynek mem...

Ĉu vi havas la esperon ĉeesti la Londonan Kongreson? Oni organizas ekskurson al la Imperia ekspozicio en Glasgowo kaj ankaŭ al Edinburgo kaj ĉirkaŭaĵoj... Jam 20 jaroj baldaŭ estos, kiam vi estis en Skotlando!

# LITERATURO DE NOBLA MALĜOJO.

En la kampo de la imaga literaturo ekzistas klaso, kiu havas kiel sian ĉefan elementon aŭ karakterizaĵon la temon pri memofero, sindediĉo, abnegacio de iu persono pro amo al alia, aŭ aliuloj. Mi volus iom preterpase komenti pri kvar, kiuj elstaras por mi kiel la plej eminentaj en tia speco:
Les Miserables (Victor Hugo)
The Cloister and the Hearth (Charles Reade)
A Tale of Two Cities (Charles Dickens)
Marta (Eliza Orzeszko).

En ili la aŭtoro artiste elmontras noblan homon en intensa malĝojo, animdoloro, kaŭzita pro amo al alia, kiu devigas lin aŭ ŝin paŝadi la dornojn de l' Kalveria vojo. Ankaŭ vi sendube scias intime la vastan kanvason de La Mizeruloj: la sinofero konstanta de Jean Valjean, korpa kaj spirita, en la kazoj de Fauchelevent, Fantine, Champmathieu, kaj Marius kaj Cosette. Kiel glore la spirito de Kristo savis tiun kontuzitan, kotŝmiritan animon kaj levis ĝin ĝis grado kapabliganta ĝin fari la plej purmotivajn, altintecajn agojn, agojn, antaŭ kiuj ni silentas en humila admirado, konsciaj pri nia propra etanimeco.

Pri La Klaŭstro kaj la Kameno, mi diru, ke ĝi estas eble la plej potenca, plej lumiga romano iam verkita en la angla lingvo pri la Mezepoko. Conan Doyle, la „patro" de Sherlock Holmes kaj aŭtoro de kvar grandaj historiaj romanoj, priskribis ĝin kiel „lanterno, per kiu ni povas travagi la Malluman Epokon". Gerard, trompita per mensogo, ke lia amatino Margaret mortis, en la frenezo de animŝiro katenas sin per la feraj ĵuroj de la pastra vivo. Sed li poste sciiĝas pri la vero, ke ŝi vivas; kaj sekvas por li efektiva infero de doloro, kies flamoj lekas lin en ĉia konceptebla turmento.

La Rakonto pri Du Urboj devas esti jam mondkonata, se ne per la presita vorto, do almenaŭ per la filmo. Mi vidis ne malpli ol tri deferencajn alfarojn en la lastaj 20 jaroj. La fina ĉapitro staras kiel unu el la plej kortuŝaj en la angla, se ne en la monda literaturo. Ĝi pentras la ferman scenon en la ĉi-tera ekzisto de la advokato kaj malsobrulo, Sidney Carton, kiu, pro amo al Lucy Manette, volonte donas sin al la gilotino, por ke Charles Darnay, ŝia juna edzo, povu ĝui vivon ĉe ŝia flanko. „Kion mi nun faras, tio estas multe, multe pli bona ol io ajn, kion mi antaŭe iam faris; kion mi nun aliras, tio estas multe, multe pli bona ripozo, ol ia ajn, kion mi antaŭe iam havis".

Kun Marta vi, kiel Poloj, estas escepte familiaraj. La iom-post-ioma degenero de nobla virino sub la premo de maljusta ekonomia sistemo; ŝia grada, ĉiam pli intensa forofero de si mem sur la altaro de l' neceso; ŝia amo al la velkinta infanino, al kiu mankas la elementaj bezonaĵoj; la tranĉa voĉo de l' malsato jam nepre obeenda, puŝas ŝin ĝis tio, ke ŝi elektu inter du alternativoj: - aŭ ŝteli, aŭ preni la unuajn malgajajn paŝojn direkte al la fratinoj de l' pavimo. Rezigne, amare, kun fine rompita rezisto, ŝi akceptas la unuan, premas sub la ĉifonoj libron ektenitan de sur montrotablo, kaj kuregas blinde laŭ homplena strato. En la oreloj tamburas la bruaĉo de ŝiaj persekutantoj; kirlas ĉirkaŭ ŝi kaosa maro de trafiko; frakasega bato, tiam por ŝi ĉiuj problemoj de l' vivo solvon ricevas.

Ciu situacio en la verko ŝajnas kreita ĝuste por elflorĝi literaturan pecon, kiu frapu nekontraŭstareble la flegmon, indiferenton de la vasta mondo antaŭ la sociaj ulceroj, putrantaj sub mizeraj paliativoj, kaj nevideblaj por okuloj, kies blindecon por tiaj nebelaj flankoj tro ofte kultivas bonstataj homoj. Sed mi dubas, ĉu la verko nuntempe estus granda sukceso se tradukita en aliaj lingvoj, ĉar la stilo estas karakteriza de la periodo, en kiu ĝi skribiĝis. Tamen, esence ĝi estas valora kontribuaĵo al la arto esprimi homan penson, homan indignon; kaj reverkita en pli moderna stilo, kun fono el krizo, senlaboro, taskokampoj, kaj la cetera malhelo de hodiaŭaj vivkondiĉoj, ĝi tre povus havi pli ol ordinaran ŝancon trafi la publikan guston.

Melbourne, Aŭstralio. Feb. 1938.

* * *

P. S.

Kara kolego „Pola Esp-isto"!

Iu konato mia Esp-a iam diris al mi: „Kial Marta ne ricevis la vivasekuron de sia edzo"? Kia damnita azeno li devis esti, postlasante ŝin tiel infere malprovizita! (la amiko estis vivasekuristo).

Pri mia lasta rimarko, mi diru, ke unu el la plej sukcesaj siatempaj verkoj kiu ankaŭ multe sukcesis en la teatro — The Passing of the Third Floor Back (La forpaso de la ĉambroluinto, kiu luis la ĉambron mizeran en la malantaŭa parto de la tria etaĝo, t. e. mansarde), de Jerome K. Jerome, estis lastatempe reverkita en la terminoj de moderna vivo. Faris ĝin Claude Houghton kun la konsento de la vidvino de Jerome. Ĝi estas vaste aĉetata. Lit. Mondo antaŭ iom eldonis verkon de Jerome, Tri Homoj en Boato.

Via tre sincere
*Frank Reginald Banham.*

# POLA POPOLA ARTO.

En Polujo, lando agrikultura, konserviĝis ankoraŭ multaj ĉirkaŭaĵoj, en kiuj materia kulturo de la popolo estas verko de ĝiaj manoj. La vilaĝanoj mem konstruas kabanojn, produktas meblojn kaj mastrumilojn, vestas sin kaj nutras, ili mem faras por si ĉion necesan en la hejmo kaj mastrumado. Servas al ili por tio loka krudaĵo: ligno el arbaro kaj argilo el kampo aŭ ŝtono, paniklo el apudriveraĵo lano kaj pelto el propra ŝafo, ledo de hejmaj bestoj, kanabo kaj lino, rikoltita propramane. Estas ĉirkaŭaĵoj, en kiuj preskaŭ nenion oni aĉetas de la urbo aŭ fabrikoj. En Polesio eĉ najlojn oni uzas el ligno.

**Specialiĝo de familioj.**

Ofte oni povas rimarki la fakton, ke ekz. kelkaj barelistoj produktas barelojn, bareletojn, melkujojn, lignajn ujojn, kelkaj virinoj teksas antaŭtukojn, tolojn kaj drapojn. Ŝafpeltojn ili faras mem aŭ fariĝas ilin en najbara vilaĝo. Sur fono de ĝenerala memhelpemo kaj universalaj kapabloj fariĝas specialistoj, laborantaj por la vilaĝo, kelkfoje heredе, produktantaj el ligno, en teksmetio kaj ceramiko.

Oni povus ilin nomi ankaŭ vilaĝaj metiistoj, sed ĉiuj mencioj pri metiistaj atestoj, rajtigoj, submajstroj kaŭzus teruron kaj miskomprenon inter tiuj paŝtistoj-mastroj, kiuj estas de la aliaj nur pli kapablaj.

Kelkfoje tutaj vilaĝoj specialiĝas en produktaĵoj lignaj, ceramikaj aŭ teksistaj.

**Kaj ĉion oni ornamas.**

Preskaŭ ĉiuj utilaj objektoj estas ornamataj. Kun ornamaĵo plej modesta aŭ eĉ sen la ornamaĵo, la formo mem, celatinga, logika kaj finita en si mem, igas rekoni la popolan kreaĵon artverko.

La arto de la popolo ekestas el estetika bezono, pro amo de la belo, pro deziro restigi ion post si. Libera tempo de paŝtisto kaj kunvivado kun la naturo aŭ longaj vintraj vesperoj favoras la pripensadon kaj konsideradon de ornamado eĉ de kutimaj objektoj de ĉiutaga uzado.

**Ĉu ĝi evoluas?**

Erara estus la opinio, ke la popola arto estas io rigidiĝinta. Eĉ hodiaŭ ankoraŭ ĝi trapasas ĉiaman evoluon. La popola arto ekestis pro libera tempo, emiganta al meditado. Tial kreadis ĝin popolo libera, ne konanta servuton, kiel apud-Tatraj montaranoj, Silezianoj kaj Huculoj, kiel abelbredantaj mastroj - Kurpoj aŭ t. n. Księżak'oj episkopaj. En aliaj ĉirkaŭaĵoj la popola arto disfloras en duono de XIX jrc. post forigo de servuto.

**Kiel oni devas ĝin pritaksi?**

La popola arto estas produktaĵo de aparta kulturo, kiun oni devas estimi kaj akcepti kun ĉiuj ĝiaj eraroj, ĉar kaŝiĝas en ĝi ĉarmo de la tradicio kaj primitivo. Tiu kreado vivas kaj submetiĝas al ŝanĝoj, sed ni ne devas al ili interveni aŭ ilin trudi. Ĉiu nova materialo, kiu venas en la vilaĝon, nova tekniko aŭ ornamaĵo aŭ eĉ nova objekto povas post kelka tempo alpropriĝi, sed ĝi nepre devas esti malrapide digestita, kun pripenso kaj medito kolektive korektita, kreita denove. Certe tiamaniere ekestis popolaj puntoj, multaj tipoj de brodaĵoj, kelkaj teksaĵoj, kaj eble eĉ pliparto de popolaj teknikoj, prunteprenitaj de metio, de specialistoj aŭ ankaŭ imitataj laŭ iama sinjora modo.

**Pola popola pentrarto.**

Tre disvastigita estas la opinio, ke la popola arto limiĝas preskaŭ ekskluzive per la ornamarto. Kaj pro tiu kaŭzo, ke 1) la pentrarto kaj la popola grafiko hodiaŭ jam preskaŭ formortis, 2) verkoj de popola pentrarto, relative malofte kaj malfacile troveblaj, estas konsiderataj kiel pentraĉaĵoj, kiuj ne valoras esti atentataj.

Oni forgesas, ke ankaŭ per primitivaj rimedoj oni povas krei verkon de alta valoro. Plue, pri tio, ĉu io estas verko de pentr- aŭ grafika artoj tute ne decidas neriproĉindeco de desegno kaj kolorriĉo, sed grandeco de interna travivaĵo de la popola artisto, videbligita helpe de disponeblaj por li rimedoj, tiel, ke ili formu unu homogenan, fortan tutaĵon.

Kiel temo de la popola verkado en Polujo estas antaŭ ĉio kaj preskaŭ ekskluzive Kristo, Di-patrino, Sanktuloj kaj kelkfoje scenoj el Malnova Testamento. Al esceptoj nur apartenas bildoj kun laika enhavo. Kvankam verkoj de popola pentrarto estis kreataj preskaŭ en la tuta Polujo, sed al specialaj centroj apartenas: Silezio, Podhale (t. e. apud-Tatra teritorio) kaj Pokucie.

Oni pentris sur ligno, tolo, papero, lameno kaj vitro. Ĉiu el tiuj materialoj havas apartan pentrostilon. Oni renkontas plej malmulte da bildoj, pentritaj sur lameno. Plej konataj estas bildoj sur vitro, kiujn en Pokucie oni pentris ankoraŭ ĝis tempoj de la mondmilito. Al plej interesaj apartenas bildoj sur tolo, pentritaj tiamaniere, ke la verkisto prenis longan tolpecon kaj kovris ĝin alterne per figuroj de Kristo, Di-patrino, S-ta Triunuo kaj de Sanktuloj, donante al ĉiu apartan kaj propran fonon. Dum foiro la aĉetanto prenis depende de riĉeco kaj bezono aŭ gusto

kelkajn bildojn, kiujn oni al li detranĉis de la rulaĵo.

Apud la popola pentrarto grandan rolon en vivo de la popola arto ludis grafikarto en formo de popola ksilografio.

**Popolaj teksaĵoj kaj brodaĵoj.**

En multaj regionoj de Polujo la popolo ankaŭ ĝis nun uzas memfaritajn teksprodukta-ĵojn. Ĝi estigas ilin per teksiloj, faritaj de vilaĝanaj majstroj. Teksistinoj, kaj en kelkaj regionoj de Polujo ankaŭ teksistoj, uzas por tio la ŝpinitan hejme linon, lanon kaj kanabon, kaj ili produktas tolojn por subvestoj kaj litaĵoj, materialojn por vestoj, man- kaj tablotukoj, ĉevalkovrilojn, unuvorte ĉiujn teksaĵojn aplikeblajn en vilaĝa mastrumado. Kompreneble la plej disvastigitaj estas linaj tolaĵoj, kaj en sudo de Polujo ankaŭ kanabaj de diversa dikeco - de la plej dika, destinita por tukegoj kaj sakoj, ĝis la plej maldikaj. Teksaĵoj striataj, nomataj striaĵoj, estas tre disvastigitaj en la pola teksarto. Tiujn teksaĵojn oni ornamas per teksista maniero, enkondukante kolorajn fadenojn, el kiuj oni faras geometriajn formojn, aŭ oni ornamas ilin per desegnokudraĵoj.

Al plej efektaj popolaj teksaĵoj apartenas sendube kilimoj (tapiŝoj) produktataj de la popolo ĝis antaŭmilitaj tempoj en Wołyń, Podole kaj Pokucie.

Popolaj brodaĵoj kaj puntoj estas pompo de la vestaĵo. La popolo brodas antaŭ ĉio ĉemizojn, antaŭtukojn, tukojn, popolmantelojn, peltveŝtojn, ŝafpeltojn, pantalonojn, mallongdire: diversajn partojn de la vestaro. Tiuj brodaĵoj kaj desegnokudraĵoj estas plej ofte logika rezulto kaj substreko de vestoformo. La brodarto manovras per plej simpla ilo - kudrilo kaj hodiaŭ plejparte per fremdaj, aĉetataj materialoj. Nur en kelkaj regionoj oni brodas ankoraŭ per propra lano, ekz. en Podolio kanabaj blankaj ĉemizoj estas ornamataj per grandiozaj brodaĵoj el nigra natura lano.

**Skulptaĵoj kaj popolaj iloj.**

La popolaj skulptaĵoj en Pollando servas antaŭ ĉio al celoj de religia kulto. Sufiĉe ofte la renkontataj figuroj de sanktuloj diferencas de kutimaj ikonografiaj formoj. La plej popularan en Pollando figuron de malĝojanta Kristo interpretas neniu vorto de apostoloj. Tian figuron ni trovas nenie ĉe niaj najbaroj, ĝi aperas nur sur teroj loĝataj de Poloj kaj prezentas tipon de Kristo, kiun produktis imagpovo de la pola popolo. Sidanta figuro kun la kapo kronita per dornaĵoj kaj apogita sur mano rigardas la preterpasanton el altaĵo de disbranĉitaj arboj, lignaj kapeletoj, krucoj kaj niĉoj ĉe supraĵoj de kabanoj.

La legendoj rakontas, ke Kristo doloras pro la servuto, ke el la altaĵo li rigardas Pojon, dirante: „mi amas vin, Pollando, sed mi plendas, ĉar vi estas pekema". Kaj la aliaj legendoj kroĉas la personon de la malĝojanta Kristo al martirologio de la pola soldato, al kiu Kristo el la apudvoja kapeleto diris por konsolo: „frato, mi ankaŭ verŝis la sangon pro kolero de la mondo".

Skulptoformo de tiuj verkoj foriĝas de la efektivaj proporcioj, kelkfoje ĝi pikas per monstreco de formo, sed kompense ili havas unuarangajn valorojn: koncizecon kaj raciecon de konstruo, simplecon de formo kaj homogenecon de esprimo. Kaj kreas ilin originalaj talentoj, parolantaj per primitiveco de formo sinceran senton, infanan patoson.

**Pola popola ceramiko.**

La popola ceramiko sur polaj teroj en formo de potofarado konserviĝis antaŭ ĉio tie, kie konserviĝis pli primitiva formo de vivado, kaj antaŭ ĉio en orientaj limteritorioj. Tie poto-urno havas ĝis nun sian ĝeneralan aplikadon, do oni ornamas argilajn knedujojn, kruĉojn, papavo-pistujojn, formojn por baki babaojn, florpotojn kaj florvazojn.

La loka krudaĵo trudas kelkajn limojn. Artista elemento en potofarado estas krea konado de la krudaĵo kaj alĝustigado de necesaj iloj. La popola ornama potofarado apartenas al unu el branĉoj de popola arto. Kaj ĝia valoro dependas de prijuĝo de teknika kaj artista flankoj de koncerna verko.

**Popola arto de ornamado de metaloj.**

En Pollando konserviĝis nur du regionoj, en kiuj oni produktas metalajn ornamitajn objektojn. Ili kuŝas en du kontraŭsituitaj finoj de la suda limo de la ŝtato: apud-Tatra teritorio kaj Huculujo.

Huculaj produktaĵoj el latuno estas riĉaj kaj diversaj. Kolojn oni ornamas per latunaj kolĉenoj, konsistantaj el spritaj krucetoj, laĉitaj per ŝnuro aŭ diversspecaj ĉenetoj el latuna fadeno. Artecaj bukoj kaj agrafoj en formo de radoj kun radioj kunigas ŝnurojn de koraloj kaj zonojn. Kiel ornamo de fingroj servas memfaritaj latunaj ringoj, ringetoj kaj sigelringoj.

Fine kiel verkoj de hucula latunisto estas riĉaj ornamoj por manpoŝoj, hakilformaj apogbastonoj, pipoj ktp. Entute la hucula latunmetito havas belajn tradiciojn kaj bonajn horoskopojn por disvolvo de tiu bela fako de la popola arto.

**Arta ŝafpeltofarado.**

Ŝafpelto konsistigas kutiman vintran veston de vilaĝa loĝantaro sur teritorio de la tuta Pollando. La ŝafpeltofarado havas siajn

centrojn en ĉirkaŭaĵoj de Lublin, Radom, en apudaĵo de Karpatoj kaj Tatroj kaj en multaj aliaj vilaĝoj. Tamen nenie ĝi konservis tiom da praaj kaj artaj formoj, kiom en Huculujo. En la ornamado de ŝafpeltoj ĝi ne havas egalecon en Pollando.

Ŝafpeltoj huculaj kaj tiuj el Pokucie, mallongaj, sen manikoj, ne konsistigas veston propre vintran. Portas ilin la loĝantaro ankaŭ somere, kaj ties kaŭzo estas ankaŭ ilia ornama koloreco, kiun la vilaĝano ŝatas kaj pri kiu li fieras.

Kiel ornamaĵoj de la ŝafpeltoj - en Huculujo kaj en Pokucie ĉiam blankaj - estas uzataj: 1) brodaĵoj de modeloj floraj kaj geometriaj per koloraj fadenoj, 2) surkudraĵoj el koloraj ledoj kaj marokenoj, kaj 3) alkroĉaĵoj el latunaj butonoj, ringetoj, radetoj ktp. Estas ega kvanto da modeloj, kaj ankaŭ individuaj vilaĝoj uzas apartajn kolorojn. Ornamaĵoj sur la ŝafpeltoj estas kvazaŭ legitimiloj por la loĝantaro, ĉar laŭ ili oni facile ekkonas, el kiu vilaĝo iu devenas.

Krom tio oni ankaŭ ornamas ĉiujn aliajn produktaĵojn el ledo, kiel zonojn, mansakojn.

**Montarana kostumo.**

Montarana vesto el blanka, ŝaflana drapo harmonias kun koloro de neĝo sur suproj kaj deklivoj. Speco de mantelo borderita per verda drapo kaj kolorriĉe broditaj ornamaĵoj de pantalono estas nepra kompletigo de monotoneco de la blankaĵo kaj ludas similan rolon kiel verdaĵo de montpinoj inter rokoj kaj safranoj sur tukegoj de neĝo. Senĉesa batalo kontraŭ severaj vivkondiĉoj hardis ĉi tie la homon, edukis lian volon, ekzercis kuraĝon, kio kune kun tradicioj de ĉiama libereco en Podhalo (apud-Tatra teritorio) konsistigis ecojn de braveco kaj kavalireco de nia montarano. Montarana vesto estas ilustraĵo de tiuj ecoj, do: „cuha" (speco de mantelo aŭ pelerino) fantazie sur unu brako pendigita, malalta ĉapelo, ornamita per agla plumo kaj ĉirkaŭita per laĉaĵo de blankaj konkoj el Nigra aŭ Adria maroj, sur brustoj granda metala buko je arkaikaj formoj, larĝa leda zono per sep bukoj kroĉebla, kaj en mano - hakilforma apogbastono.

**Sileziana kostumo.**

La plej multekostajn en Pollando vestornamaĵojn portas apudmontara loĝantaro de Silezio. Oras ĉi tie kaj arĝentas reliefaj plantomotivaj brodaĵoj sur veluraj nigraj, ĉerizkoloraj aŭ verdaj korsaĵoj alkudritaj al jupoj. En ornamaĵoj de la korsaĵoj en riĉeco de la motivoj oni tamen konservas moderecon kaj simplecon. Lukson de ornamitaj korsaĵoj kompletigas juvelaroj, kiuj kelkfoje konsistigas rimarkindan kapitalon. Krom la oraj brodaĵoj famas Silezio pro la plej belaj diversspecaj puntoj. Tre ofte aperas ĉi tie motivoj konataj el blankaj krakovaj brodaĵoj, ĉar la krakova tero plej frue inter ĉiuj teroj de Pollando disvolvis ornamadon de vestoj, influante per tio je ornamarto de ĉiuj najbaraj etnografiaj grupoj.

**Krakova kostumo.**

La krakova kostumo okupis ĉefan pozicion inter ĉiuj popolaj kostumoj en Pollando. Ne nur tial, ke la krakovan mantelon uzis nacia heroo, Tadeusz Kościuszko, ke ĝin surmetis Prezidanto de la Respubliko, kiam li, kiel ĉefmastro en la ŝtato, dum rikolta festo en Spała akceptis delegitaron de ĉiuj regionoj de Polujo. La krakova kostumo estas tiu reprezenta, ĉar regas en ĝi naciaj koloroj, kaj la tutaĵo spiras per fantazio, ĝojo kaj libereco. Kompletigo de la superanta ruĝo kaj blanko de la kostumo estas bluo de kamizolo, nigro de botoj, tola pantalono je bluaj aŭ ruĝaj strioj, bruna leda zono kun metalaj najloj, fine verda tufo de pavaj plumoj ĉe la ruĝo de ĉapa drapo kaj nigro de ŝafa pelto, kiu la ĉapon borderas.

Ankoraŭ pli pitoreska estas la krakova virina kostumo. Memkompreneble estas ankaŭ aliaj polaj popolaj kostumoj, sed la priskribitaj estas eble la plej karakterizaj kaj reprezentaj en originaleco kaj pitoreskeco.

Lastatempe ni estas atestantoj de intensa agado celanta subtenon de speciale polaj regionaj kostumoj. La montarana popolo mem dank' al diversaj kunveturoj, popolaj solenaĵoj, konsciigado en lernejoj kaj ekster ili, lernas estimon por sia kostumo, kanto, danco kaj kutimo. Ĝi lernas ankaŭ distingi fremdajn influojn de la tradicia verkado pure popola, kunligita kun karakteriza por koncerna regiono pola popola arto.

Oni povas kredi, ke oni sukcesos subteni vivon de tiuj belegaj regionaj apartaĵoj en verkado kaj arto, kiuj sendube estas karakterizaj konsistigiloj de atingaĵoj de nia nacia kulturo.

La popola arto estas en proksima rilato kun la popola industrio kaj inverse ĉiu branĉo de la popola industrio havas sian artistan aperon.

Popola industrio oni konsideras nur kreadon vilaĝanan kaj nur ligitan kun la popola tradicio. Sed „chałupnictwo", ĉe kiu la mendanta komercisto havigas materialojn kaj diktas ŝablonon de ornamado, postulojn kaj detalajn kondiĉojn de la laboro kaj profito, kaj ofte de ekspluataĉo, kaj produktado en urboj farata laŭ popola modelo, ne apartenas al la popola industrio, kvankam en la merkato oni ne atentas tion sufiĉe.

Estas necesa speciala zorgo kaj atento, por kun kresko de la produktaĵoj de la popola industrio ne altrudi al la popolaj artistoj ŝablonojn de ornamado, sed restigi la fakon de la ornamado al ilia originala, intuicia regiona fantazio.

*Józef Liss.*

(La artikolo aperis en nro 34 de revuo „Polska" eldonata de Światowy Związek Polaków z Zagranicy, - Tutmonda Ligo de Poloj el Fremdlandoj - Warszawa, Mazowiecka 1).

*Tradukis T. H.*

*ARNO HOLZ.*

## *FRUPRINTEMPO!*

*Arbaro mutas sen sonor',*
*Ne floras primoloj nun,*
*Sed ruĝe, ruĝe jam batas kor',*
*Anim' jubilas pro lum'!*

*Jes, lumo, lum', ĝis en flor-amas'*
*Dronos ter' post vintro-forir',*
*Kaj la ruĝa korsango en am-ekstaz'*
*Trinkegos de l' suna bril'!*

*El la germana: Hilda Dresen.*

## *BONDEZIROJN...*

*Pasis jaro trideksepa, pasis foren... al pere',*
*do rapidas mi esprimi bondezirojn al P. E.*
*Do, al kara Redakcio, en kuranta nova jar'*
*mi deziras centobliĝon de revu-abonantar'.*

*Al agantoj esperantaj, pli da viglo kaj aktiv'*
*al sinjoroj redaktoroj, multajn jarojn de la viv'*
*Sed plej kore mi deziras, la ekaŭdon de la vok',*
*Vivu nia Hodakowski, vivu Bujwid, Rosenstock!*

*Eugeniusz Matwiejczuk*

*Ni dankas kore*
*La Redakcio.*

# XXX-a UNIVERSALA KONGRESO DE ESPERANTO.

## LONDON, 30 JULIO — 6 AŬGUSTO 1938.

### Oficiala Informilo N-ro 4.

**Adreso por leteroj.** — Sekretario, 30a Universala Kongreso de Esperanto, Heronsgate, Rickmansworth (Herts), Anglujo.

**Kongresejo.** — University College, Universitato de Londono.

**Kotizoj.** — £1-10-0. La edzo aŭ edzino de kongresano, kaj gejunuloj ne pli ol 20-jaraj, pagas po 15 ŝil. Estas oportune sendi kotizojn en registrita letero per britaj ŝtataj monbiletoj, haveblaj ĉe bankoj kaj monŝanĝejoj en multaj urboj. Se oni sendas pagojn per poŝtmandatoj, oni **ĉiam** sendu samtempe informon pri la **nomo kaj adreso de la sendinto** kaj la celo de la pago, ĉar la brita poŝtadministracio ne skribas mesaĝojn sur poŝtmandatoj. La poŝtĉekkonta sistemo ne ekzistas en Britujo. Ĉekoj kaj aliaj pagiloj estu pageblaj al Internacia Esperanto-Ligo.

**Loĝejoj kaj Ekskursoj.** — Kun la marta numero de THE BRITISH ESPERANTIST ni sendis al ĉiu kongresano mendilon por loĝejoj kaj ekskursoj. Oni pleniguĝin kaj sendu ĝin al la kongresa oficejo kiel eble plej frue, kun la koncerna pago. La komitato ne povas garantii ion al kongresano, kiu ne zorge plenumas la kondiĉojn.

**Donacoj.** — La Organiza Komitato volonte ricevos donacojn por helpi al la plena sukceso de la Kongreso. Donacoj jam ricevitaj £19. 6ŝ. 3p.

**Blindula Kaso.** — La Organiza Komitato volonte ricevos donacojn por ebligi, ke blinduloj partoprenu la Kongreson. Jam ricevita £21. 12ŝ. 8p.

**Presaĵoj.** — En la kongresejo kaj kongresaj kunvenoj oni rajtos disdoni cirkule-

rojn kaj ĉiajn aliajn presaĵojn nur post antaŭa aprobo de la kongresa komitato.

**Dokumentaro.** — La sama postulo rilatas al presaĵoj disdonotaj kun la oficialaj kongresdokumentoj; tio estas, ili devos ricevi la antaŭan aprobon de la komitato kaj devos alveni ĉe adreso indikota, plej malfrue du semajnojn antaŭ la kongreso.

**Fakaj kunvenoj.** — Organizontoj bonvolu anonci frue siajn dezirojn. Ni presigos la kongreslibron en majo kaj sendos ĝin al la kongresanoj en junio.

**Rabatoj.** — La Ĉeĥoslovaka flugkompanio koncedos rabatitan prezon Kč 1211.25 por simpla bileto, Kč 2180.25 por reven-bileto Praha-London-Praha, se anoncos sin almenaŭ 10 vojaĝantoj, ĉe Esperanto-Asocio en Ĉeĥoslovaka Respubliko, Truhlářská 16, Praha II.

Aŭstrujo. — Kongresanoj montrante siajn kongreskartojn rajtas ricevi rabaton 33 1/3% en la unua kaj dua klasoj kaj 25% en la tria klaso. Tiu rabato validos: por la iro inter 26a julio—6a aŭgusto, por la 30a julio—14a aŭgusto.

Belgujo. — Rabato 35%, valida inter 20a julio—20a aŭgusto.

Francujo. — Rabato jam konsentita, sed detaloj mankas.

**Kongreskarto kaj Kongreslibro.** — Ni esperas sendi ilin al kongresanoj en junio.

**Cseh-kursoj.** — F-ino M. Saxl nun gvidas plurajn kursajn kursojn laŭ la Cseh-metodo en Londono kun granda sukceso. Entute estas 200 klasanoj. Precipe utilaj al kongresanoj estas la kursoj en la granda magazeno Selfridge, kie 32 personoj lernas Esperanton, kaj en la restoracio Lyons Oxford Corner House, 24 el la stabo lernas la lingvon. Estas notinde, ke la kursoj okazas kun la plena subteno de la nomitaj firmoj, kaj dum la ordinaraj deĵor-horoj.

**Membraro.** — Ĝis la hodiaŭa dato (16/III 1938) aliĝis al la kongreso 1022 el 25 landoj.

**Por la Organiza Komitato**

**Cecil C. GOLDSMITH.**

**Sekretario.**

# KOMUNIKO DE P. E. D.

## ĜENERALA KUNVENO DE P. E. D.

La nunjara Ĝenerala Kunveno de P. E. D. okazos en junio k. j. (verŝajne la 5 — 6 de junio) dum la „Krakovaj Tagoj". En ĝi rajtas partopreni la aliĝintaj grupoj per siaj rajtigitaj reprezentantoj. Ĉiu reprezentanto devas posedi skriban rajtigon, en kiu estu citita nombro de la nembroj. Ni atentigas, ke laŭ art. 10 § 2 membroj, kiuj ne pagis la kotizon, ne rajtas voĉdoni.

**Tagordo:** 1) Raportoj. 2) Raporto de la Rev. Komisiono. 3) Elekto de la Revizia Komisiono. 4) Fikso de la sekvanta Ĝ. K. 5) Demandoj kaj proponoj.

Art. 26. § 1. La Ĝ. K. estas decidopova, se la ĉeestantoj rajtigitaj al voĉdono reprezentas minimume 1/4 da ĉiuj voĉoj, per kiuj disponas ĉiuj membroj de P.E.D kune.

§ 2. Se la Ĝ. K. ne okazus pro manko de la nombro necesa laŭ § 1, devas la Estraro en du sekvantaj semajnoj kunvoki denove la Ĝ. K., dum kiu la decidoj estas alprenotaj sendepende de la nombro de reprezentitaj voĉoj. Tiun ĉi novan Ĝ. K. ne koncernas normoj de art. 21 §§ 1 kaj 1 art. 25 § 3 alineo 1.

**Estraro de P. E. D.**

* * *

## ALVOKO.

Pollandaj gesamideanoj! Certe ne ĉiu el vi scias, ke Internacia Esperanta Ligo aranĝas por 1938 jaro Internacian Konkurson, kies elirbazo estas stato je 31 XII. 1937. Kun ĝojo mi povas sciigi, ke Polujo akiris ĝis nun duan lokon ĉe la konkurso, nombrante 177% da poentoj de antaŭa jaro, dum Jugoslavujo atingis 180%. Helpu al ni ricevi la unuan premion de 10 funtoj ŝterlingoj kaj libropremiojn por delegitoj. Do mi invitas ĉiujn pollandajn esperantistojn al aliĝo, por financa prosperigo de nia afero. Delegitoj de I. E. L. varbu kaj realiĝu. Se el asociaj membroj almenaŭ kvindek procentoj aliĝos kiel membroj kun jarlibro — ni povas esti preskaŭ certaj pri gajno de konkurso. Aliĝemuloj turnu sin por informoj al delegitoj aŭ rekte al mi.

**inĝ. M. Chmieliński**

(Toruń, Krasińskiego 4).

* * *

# OFICIALAJ SCIIGOJ DE LA AKADEMIO.

**1. Listo de difinoj de vortelementoj.**

Kiel mi jam anoncis en la 13-a numero de „Oficialaj Sciigoj de la Akademio, (Oktobro 1937), la Akademio entreprenas la starigon de listo de la difinoj de la vortelementoj de Esperanto. La procedo estas la jena: Unua listo de 100 vortelementoj de la „Universala Vortaro" kaj de ĝiaj 6 „Oficialaj Aldonoj", kiun mi kunmetis post interkonsiliĝo kun S-ro W. Bailey, Direktoro de la Sekcio por la Komuna Vortaro, estas sendata kun ĉi tiu bulteno kiel „Publika Propono" al ĉiuj Akademianoj kaj LK-anoj kaj al ĉiuj Esperantaj gazetoj kun la peto represigi ĝin. Mi invitas ĉiujn Esperantistojn sendi al mi, se eble antaŭ la 15-a de Majo 1938, siajn rimarkojn, korektojn, kritikojn, proponojn k. t. p. pri la apartaj difinoj de la listo, prefere por ĉiu vortelemento sur aparta slipo. Oni povas proponi korektojn, modifojn de la difinoj por igi ilin pli klaraj, aldonajn signifojn k. t. p. Mi speciale petas la helpon de fakuloj, precipe de botanikistoj kaj zoologistoj, por kritiki la latinajn nomojn, kiujn mi aldonis al la nomoj de plantoj kaj bestoj por difini ilin tute precize.

Post la pristudo de la envenintaj rimarkoj mi pretigos novan liston, kiun ricevos nur la Akademianoj. Ili voĉdonos pri ĉiu difino aparte. Poste la listo de la akceptitaj difinoj estos submetata al la Lingva Komitato por definitiva aprobo.

Post ĉiu vortelemento estas notitaj inter krampoj unu aŭ kelkaj literoj por fiksi ĝian gramatikan karakteron. La signifoj de la mallongigoj estas: s = substantivo, a = adjektivo, v = verbo, v tr verbo transitiva, v ntr = verbo netransitiva, n = neŭtrala. Plue (fig) signifas: figure uzate.

Por ŝpari nenutilajn poŝtelspezojn la estontaj numeroj de la „Oficialaj Sciigoj", kiuj pritraktos nur la „Liston de difinoj", estos sendataj krom al la LK-anoj nur al tiuj gazetoj, kiuj deklaris sin pretaj represigi la „Publikajn proponojn". Mi do petas la redaktorojn de la gazetoj, kiuj ricevas tiun ĉi bultenon, informi min kiel eble plej baldaŭ, ĉu ili deziras pluan alsendon de la koncernaj listoj.

**2. Sendo de Esperantaj libroj kaj gazetoj al la Akademio.**

Mi volas refoje direkti la atenton de la Esperantaj eldonistoj al mia peto en la antaŭa numero de ĉi tiu bulteno, sendi al mi unu ekzempleron de ĉiu libro kaj de ĉiu gazeto, kiun ili eldonas. Tiun peton mi volas kompletigi per la peto samtempe daŭrigi la sendon de unu ekzemplero al la Direktoro de la Sekcio de Kontrolo, S-ro M. Rollet de l'Isle, 35 rue du Sommerard, Paris 5-e, Francujo. Al la eldonistoj, kiuj jam respondis al mia antaŭa alvoko per la sendo de siaj eldonaĵoj mi esprimas per ĉi tio koran dankon. Sama danko apartenos al tiuj eldonistoj, kiuj estonte bonvolos plenumi miajn ĉisuprajn petojn.

Ir. J. R. G. Isbrücker
Prezidanto
Oostduinlaan 32, Hago,
Nederlando.

## DIFINOJ DE VORTELEMENTOJ

**(Publika propono)**

**1-a Listo.**

| | | |
|---|---|---|
| 1. -a (a) | = | 1. unua litero de la alfabeto;<br>2. finaĵo de la adjektivo aŭ de adjektiva pronomo aŭ numeralo, signifanta: a. kiu havas econ, b. kiu rilatas al. |
| 2. abat' (s) | = | estro de monaĥejo. |
| 3. abdik' (v tr) | = | formale demeti ĉiujn rajtojn je la trono aŭ je altranga ofico. |
| 4. abel' (s) | = | insekto el la subklaso de himenopteroj, kiu produktas mielon (Apis). |
| 5. abi' (s) | = | arbo el la familio de koniferoj (Abies) |
| 6. abism' (s) | = | 1. loko kun profunde malproksima fundo, kun krutaj flankoj;<br>2. (fig.) nemezureble granda grado de mizero aŭ nesiado. |
| 7. abiturient' (s) | = | mezgrada lernanto, kiu finis la gimnazian kursaron kaj sukcese plenumis la koncernan ekzamenon, |
| 8. ablativ' (s) | = | kazo de la deklinacio en diversaj lingvoj, kiu esprimas instrumenton aŭ devenon. |
| 9. abnegaci' (s) | = | forlaso de propraj komfortaĵoj kaj ĝuoj por la bono de aliaj. |
| 10. abomen' (s) | = | sento, kaŭzata de tre malagrablaj ecoj de persono aŭ objekto. |

(daŭrigota)

# BIBLIOGRAFIO.

Eldono de Literatura Mondo:

**ARĜENTA DUOPO, Jubilea Libro pri Baghy kaj Kalocsay, II-a volumo. Redaktis** V. Bleier — F. Szilagyi. Formato 23.5x13.5 cm 168 paĝoj.

Enhavo: Teatraĵoj — Poemoj — Scenoj — Muziknotoj — ĉio, kio sufiĉas por aranĝi programajn vesperojn en grupoj. Prezo: 1·10 USA dolaroj + 10% sendkosto.

**AFIŜO de la 34 Internacia Eŭkaristia Mondkongreso** okazonta en Budapest.

**PROSPEKTO de la XX-a I. K. U. E. jubilea kongreso,** okazonta la 6 - 11. VIII. 1938 en Ljubljana (Juguslavio).

**LA PROBLEMO DE LINGVO INTERNACIA — Serio de radio - prelegoj de Dro Björn Collinder,** profesoro de finno-ugraj lingvoj en la universitato de Upsala. Publikigis Paul Nylen. Ĝi estas la Nro 14 — 15. de la libroserio, eldonata de Muusses Esperanto - Biblioteko. Prezo: —·70 ned. guld. aŭ 6 resp. kup.

**ROZINJO de Gyula Török.** El la hungara originalo tradukis Dro K. Kalocsay — estas la Nro 16 de la suprenomita libroserio. Kaj fine.

**EL LA LONDONA SKIZLIBRO de Charles Dickens** (el la angla lingvo tradukis Fred Wadham, ĉefredaktoro de British Esperantist) -- estas la Nro 17 de la menciita libroserio. Nroj 18 -- 20 en preparo.

**NOVA SOKOLA INFORMILO.** Luksan prospekton, broŝureton 12 - paĝan (19x12 cm), bele ilustritan pri la Sokola Gimnasta Kongreso en Praha 1938 ĵus eldonis la Ministerio de Komerco. — Niaj legantoj petu ĝian senpagan alsendon ĉe la **Ĉehoslovaka Esperantista Informejo,** Praha XIX Uralské 9.

### TRA LA GAZETARO.

Aperis nova esper. revuo s. t. **LA CELO** eldonato de Literatura Mondo (Budapest IX. Soroksári str. 38). La monatan revuon povas ricevi senpage ĉiu esperantisto, kiu ĵus finis kurson.

Lasttempe ricevitaj revuoj: Heroldo de Esperanto (semajna) kaj Esperanto Internacia (monata revuo de IEL), Esperanto (duonmonata revuo de UEA), The British Esperantist (monata revuo de Brita Esper. Asocio), Nia Gazeto (monata Esp. - eldono de „L'Éclaireur de Nice et du Sud-Est"), L' Esperanto (monata, eld. en Italujo), Jugoslovenska P. T. T. (oficiala organo de la Asocio de P. T. T. oficistoj), Belga Esperantisto (monata, ofic. organo de Reĝa Belga Ligo Esperantista), La Juna Vivo (monata, organo por la junularo kaj komencantoj), La Suda Stelo (monata organo de la Esperanto—movado en Jugoslavio), Laborista Esperantisto (monata), La Revuo Orienta (monata), Nederlanda Esperantisto (monata), Svenska Esperanto-Tidningen „La Espero" (monata), Amerika Esperantisto (monata), La Glumark — Kolektanto (organo de Rondo de Esperanto Glumarkkolektantoj), Norvega Esperantisto (monata), Franca Esperantisto (monata), Orienta Kulturo.

*L. K.*

# RADIO.

## PROGRAMO DUM APRILO

**La horoj estas indikitaj laŭ mezeŭropa tempo.**

### ĈIUSEMAJNAJ DISSENDOJ

**Dimanĉe:**

9.10—9.20 Kortrijk (204 m): Esperanta-kroniko de G. Debrouwere.

**Lunde:**

18.20—18.30 Radio Suisse Romande (443 m): Esper.-kurso de P. Bouvier.

19.45—20.00 Montpellier-Languedoc224) m) Kroniko de A. Capoulade.

20.00--21.00 J. V. 2 R. L. Caracas-Venezuelo (51.72 m) Parolado, informoj.

21.30—22.00 PRE 2 Vera Cruz (1460 m): Kurso, kantoj, informoj.

22.01—22.30 Roma II (245 m), 2 RO (31.13 m):Informoj k. propagando.

22.45—23.30 Paris PTT (431 m); **E. teatraĵoj.** Detalojn vidu aliloke.

**Marde:**

18.00—18.10 Mor. Ostrava (269 m): Parolado. Detalojn vidu aliloke.
19.20—19.40 Hilversum (1875 m): Kurso.
21.20—21.35 Kaunas (1961 m) Klaipeda (531 m): „Nia anguleto".
22.00—22.10 Tallinn (410 m), Tartu (587 m): Parolado pri la Estona vivo.
22.25—22.40 PRF 3 Sao Paulo (960 m): Informoj pri Esp.-k. parolado.
23.30—23.45 PRF 5 Rio de Janeiro (31.58 m) Oficialaj informoj kaj kantoj.
23.30-23.45 PRF 2 (780 m): Relajso de PRF 5.

**Merkrede:**

14.00—14.20 Paris PTT (431 m). Elementa kurso de C. Rousseau.
20.00—21.00 X. E. C. R. Meksiko (50.17 m): Parolado, Informoj.
21.00—21.30 LT 1 Rosario (384 m): Kroniko.

**Vendrede:**

21.30—22.00 PRE 2 Vera Cruz (1460 m): Kurso, informoj.
20.00—21.00 X. E. C. R. Meksiko (50.17 m): Parolado, informoj.

**Sabate:**

10.30— ? ? 7 HO Hobart Tasmanujo: Esp.-kroniko de s.ro Gowling prezidanto de la Tasmauia Esp. Asocio.
13.45—14.00 Lille (247 m): Esp. kroniko kaj kurso.
17.15—17.30 Loksbergen-Limburg (202 m): Informoj, parolado.
19.01—19.18 Roma I (420 m), 2 RO (31.13 m): Itala kroniko de l'turismo.
22.25—22.40 PRF 3 Sao-Paulo (960 m): Informoj pri Esp. k. parolado.
23.30—24.00 Radio-Barcelona (377 m) Parolado.

### ALIAJ DISSENDOJ.

15. 21.30—21.50 Bulgaraj stacioj (20 m, 352 m, 235 m, 214 m): Kroniko,
16. 17.10—17.30 Hilversum (301,5 m): W. Prent-cefestrarano F. L. E. Alparolos la kursanojn ĉe la fino de la kursoj.
16. 18.10—18.25 Hilversum I (1875 m), Jaarsveld (415 m): Esp.-k. P. Heilker.
17. 15.00—15.25 Wallonia (201 m): Esperanta-kroniko.
20. 20.13—20.20 Lyon PTT (463 m): Esp.-kroniko.
24. 23.00—24 PRA 4 San-Salvador (740 m)) Informoj pri Esp. k. kantoj.
24. 23.40—00.10 Hilversum I (1875 m), Jaarsveld (415 m) Parolado.
30. 17.10—17.30 Hilversum (301,5 m): s-ro Roland Dupuis: Kiel franco tri jarojn en Nederlando.

* * *

**La mallongonda stacio Praha.**

disaŭdigos por Norda Ameriko la 12-a de majo 1938, je la 10.55—11.10 E. S. T. (ondlongo v5rŝajne 31.41 m):

**Amo en la Ĉeĥoslovaka popolkanto**

Ludos la anoj de TRAKT. Reĝio D. Chalupa.

**Parolapoj en Mor.-Ostrava dum aprillo.**

Ĉiutage g 18.00—18.10.

5. Esperanto en moderna vivo. IV.
12. La vivo kaj laboro de sam-anino Julie Šupichová.
19. Josef Čapek: Ĉe ni, en Ĉeĥoslovakio.
26. Dro K. Kriz: Made in Czechslovakia.

**Esperantoteatrajoj el Paris PTT kaj Radio Paris dum aprilo.**

Reĝisoro: Marc Darnault (enondigo de Marc Darnault).

Ĉiutage h 22.45—23.30.

18. 3-a kaj 4-a aktoj de „La Revizoro" de N. V. Gogol Traduko de Dro L. L. Zamenhof. Prezentado de F-ino J. Paulier.
26. „La malsana kuracisto" Radioskeĉo de Marie Emile Bernanose traduko de Marc Darnault. Prezentado de L. Belhoste.

# KATOLIKA ESPERANTO MOVADO.

### SAMIDEANOJ NEKATOLIKAJ!

Kiu el vi dum la Budapesta Eŭkaristia Kongreso deziras vojaĝi al Budapest, nepre anonciĝu ĉe ni, ĉar ni okupiĝas pri tio, ke la nekatolikoj ne estu malzorgitaj dum la Eŭkaristia Kongreso kaj ili same tiel ĝuu la vidindaĵojn, kiel aliaj. Do skribu al ni vian adreson, titolon kaj nomon, por ke ni povu sendi al vi nian planon pri la promenadoj, amuzadoj, ekskursoj ktp., zorgonte por via bonsento ĉe ni. Ne timu, ni ne volas fari negocon, ni ne volas gajni de vi monon, ni nur volas montri al vi, ke ĉe ni estas bonveninta ĉiu kian ajn religion oni havas; la ĉefa kondiĉo estas nur, ke la alvenonto estu honesta homo. Do, ĝis la vido, aŭ revido, ni kore atendas, akceptos kaj servos vin, homar-ama frato nia!

Skribu al: Hungara Esperanto-Federacio. s-ro Jozefo de Mihalik, Sashalom apud Budapest, Hungarujo.

# NOVAĴOJ EL ESPERANTUJO.

## PEDAGOGIA ENCIKLOPEDIO KAJ ESPERANTO.

Sub titolo „Kultura donaco al ĉeĥoslovaka lernejo“ aperas en Praha (Ĉeĥoslovakujo) grava verko **Pedagogia Enciklopedio**, kies unua volumo estas jam preta, la dua kaj tria finpresataj. Famaj pedagogiaj fakuloj redaktas ĝin, nome: profesoroj **O. Chlup, Josef Kubálek** kaj **Josef Uher** en kunlaboro kun multegaj ĉeĥaj intruistoj. Tiu ĉi verko de eminentuloj en la ĉeĥoslovaka mondo pedagodia garantias la precizecon kaj multvaloron de la PE, kiu enhavas detalajn informojn pri ĉiu demando, kiu interesas la intruiston, pedagogon kaj filozofon. La riĉenhava kaj moderna verko liveras al ĉiu leganto klarigon de grandega kvanto da objektoj kaj ideoj el ĉiuj fakoj de arto pedagogia, pri filozofio, didaktiko kaj parencaj sciencoj. Plue ĝi havas biografion de la pedagogiaj fakuloj, tiel ke ĉiu ĝia posedanto havas vere perfektan vortaron pedagogian, tiom necesan kaj jam delonge sopiritan.

Grava kaj gratulinda afero estas, ke **la redakcio** sciis taksi, kiel grandajn servojn donas **Esperanto** al la instruistaro. La jam aperinta unua volumo enhavas **du artikolojn** de faka intruistino **Julie Supihová**, nome „Esperanto“ (paĝo 396) kaj „Lingvoj internaciaj (558). En la verko de tia grava kultura valoro, kia estas PE, ĝi estas vera sukceso!

(Dankleteroj estu adresataj al redaktoro: Profesoro Josef Kubálek, Jeronymova 16, Praha-Smichov, ĈSR).

---

## ESPERANTON EN LA AVIADON.

**Anglaj esperantistoj serĉas kunlaboron.**

Inter la diversaj fakoj traktitaj en la Konferenco „Esperanto en la Moderna Vivo“ estas aviado. Ĉi tiu grava kaj progresa faktoro de moderna vivo devus esti bona kampo por la propagando de nia lingvo. Per flugmaŝinoj la aviada personaro kaj vojaĝanta aerpubliko estas tre intime alproksimigita trans la materiaj obstakloj de distanco. Sed ankoraŭ regas la lingva malhelpo. Estas centoj da vojoj, en kiuj nia lingvo povus helpi al la aviadismo. Nur pensu pri la faciligo por la pilotoj, sed la veteraj raportoj kaj alteriĝaj instrukcioj estus dissenditaj radie en la internacia lingvo. Krome, estas konsiderinda valoro al pilotoj, kiuj vizitas aliajn landojn kaj nuntempe estas katenataj de la lingvomalhelpoj: pere de Esperanto ili trovus amikajn kontaktojn kaj povus interŝanĝi ideojn kaj amikecojn ĉie, sendepende de kiu ajn lando, en kiu ili trovas sin.

Jam kelkaj anglaj esperantistoj profesie interesitaj en la aviadismo okupas sin pri klopodoj enpenetrigi Esperanton en tiujn rondojn, kaj starigis utilajn kaj promesajn kontaktojn. Se estos bona subteno de intereso pri la klopodoj flanke de alilandaj samfakuloj, estos bonaj ŝancoj por ĝojiga progreso.

Sekve, alilandaj samfakuloj estas urĝe petataj sendi siajn nomojn kaj adresojn al la suba adreso, kun indiko pri sia ofico kaj agopovo rilate al kunlaborado.

Al la esperantistaro ĝenerale ni rekomendas esploran sinturnon al aviadaj rondoj. Provu ĉe la teknikistaj kaj pilotaj rondoj, esploru ĉe pilotaj sindikatoj ktp., se ekzistas tiaj en viaj landoj! Super ĉio, bonvole raportu al ni, por ebligi orientadon pri la eblecoj de internacia kunlaboro.

Adreso: Aviado, ĉe Brita Esperantista Asocio, 142, High Holborn, Londono, W. C. I. , Anglujo.

E. D. Durrant
por Propaganda Komitato BEA.

---

**Ni ricevis jenan alvokon:**

SOCIETO FRANCA
POR LA
PROPAGANDO DE ESPERANTO
34, rue de Chabrol, PARIS 10.

Tre Estimataj Samideanoj,

Kiel vi scias, la libro „Raportoj kaj Konkludoj de la Internacia Konferenco „Esperanto en la Moderna Vivo“ ricevis tre bonan akcepton en ĉiuj landoj.

Laŭ ĉiuj kompetentuloj, ĝi devus esti en la biblioteko de ĉiu esperantista grupo, eĉ de ĉiu laborema esperantisto, kiel bazo por serioza propaganda laboro.

Dezirante kiel eble plej amplekse akceli la vendadon de tiu libro, ni akceptos ĝis fino de majo la mendojn laŭ la sekvanta tarifo afrankite:

| | | | |
|---|---|---|---|
| 1 | ekzemplero: | 12 | fr. fr. |
| 5 | ekzempleroj: | 50 | „ „ |
| 10 | „ | 90 | „ „ |
| 20 | „ | 160 | „ „ |
| aliaj pliaj | „ | po 8 | „ „ |

Komprenehle, tiu favora prezo nur valoras por pago antaŭsende.

Atendanta viajn mendojn, ni restas

Plej sincere viaj.
LA KONSTANTA SEKRETARIO:
P. PETIT.

# POLLANDA KRONIKO.

**WILNO.** La Esperanto-movado estas ĉijare en nia urbo iom plivigligita. La 28/I „Universo" aranĝis propagandan vesperon, dum kiu s-ano K. Gerŝater faris paroladon, kiu trovis grandan intereson ĉe la ĉeestantaro (80 p.). Post la prelego, s-ano Gerŝater faris eksperimentan lecionon de Esperanto, dum kiu li montris kaj klarigis la Esperantan gramatikon, afiksojn k. t. p.

Resulte de ĉi vespero fondiĝis kurso por komencantoj, kiu estas gvidata de s-anino E. Ŝindelman. La kurson partoprenas 50 personoj. Okaze de akiro de nova ejo, „Uniserso" aranĝis por sia anaro tevesperon la 18/II. La programo enhavis: Paroladon s. t. Ĉu Esperanto progresas? faris s-ano Ŝuster, kiu montris, ke la Esp. movado ne nur ne reiras, kiel multaj opinias, sed ke ĝi konstante progresas, kaj ke ni povas esti certaj pri ĝia fina venko, se ni ĉiuj portos la brikojn al la baldaŭ finota konstruaĵo. Epizodojn el la Esp. vivo rakontis D-ro A. Gurviĉ (vprezidanto), s-anino Ŝindelman, s-ro Gerŝater, vokinta ĉiujn al sindona laboro por la afero s-ano Subotnik rakontis pri la evoluo de la vilnaj junaj esperantistoj ekde 1929, D-ro Perlman tralegis belan originale verkitan versaĵon s. n. „Gratulo de maljunulo". En la sekva parto, kantis s-anino Porozowska kaj recitis s-ano Alperoviĉ.

---



---

**ATENTU! MALALTIGO DE ABONPREZOJ!**

Nun en Polujo oni pagas por jarabono 1938:

**Literatura Mondo** zł 10·—. Opa numero zł 0·75 + afranko zł 0·25.

**La Praktiko** zł 7·50; duonjare zł 4·—; Opa numero zł 0·70 + afranko zł 0·10.

Mendu tuj ĉe la reprezentantino por Polujo: HALINA WEINSTEIN, Warszawa, str. Leszno 99 m. 5. PKO 27.876. Tel. 598-37.

Por korespondadoj nepre aldonu poŝtmarkon. Mendeblaj ĉiuj eldonaĵoj de Literatura Mondo kaj la Praktiko.

**PM egalas monon!**

Helpu Tutmonda esperantistaro!

Esp-movado en Ŝanhajo nuntempe estas en malbona situacio! Sed la movadon ankoraŭ ne-facile funkciigas tie iuj fervoraj samideanoj. Por subteni tiean nian movadon donace sendu kiel eble plej multe da PM ordinaraj aŭ memorigaj sed kompreneble uzitaj! Adreso: S-ro Ĉoĉa, 14/169 Carter Road, Ŝanhajo, Ĉinio!

---

**NI TRE AFABLE PETAS NIAJN ABONANTOJN, ŜULDANTAJN ANKORAŬ LA ABONON POR J. 1937 PAGI LA ŜULDON JE NIA KONTO PKO Nr 406.660.**

---

**UWAGA!**

Wszelkie wpłaty abonamentu miesięcznika „Pola Esperantisto" uskuteczniać można na konto PKO. Nr 406.660 lub **przekazem rozrachunkowym, kartoteka Nr 29,** co zaoszczędzi wpłacającym koszty przesyłki.

---


ABONO: jare zł 8·—, duonjare zł 4·—. Por societoj kaj grupoj esperantistaj jare zł 6·—. Eksterlande 7 sv. fr. Aparta numero zł 0·70, duobla zł 1·40.

ANONCOJ: ½ paĝo zł 30·—, ¼ paĝo zł 15·—, ⅛ paĝo zł 10·—. Korespondado: anonceto de 10 vortoj (krom adreso) zł 1·—.

PRENUMERATA: rocznie zł 8·—, półrocznie zł 4·—. Dla Towarzystw i grup esperanckich rocznie zł 6·—. Zagranicą: 7 fr. szw. Numer pojedynczy zł 0·70, podwójny zł 1·40.

OGŁOSZENIA: ½ strony zł 30·—, ¼ strony zł 15·—, ⅛ strony zł 10·—. Korespondencja: małe ogłoszenia z 10 słów (prócz adresu) zł 1·—.

Przekaz rozrachunkowy: kartoteka Nr 29, Kraków 2. — Konto P. K. O. Nr 406.660.

REDAKCIO KAJ ADMINISTRACIO: KRAKÓW, LUBICZ 34.

Wykonano w Drukarni Miejsk. Muz. Przemysłowego w Krakowie. Redaktor odpowiedzialny: Dr Leon Rosenstock.